# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio

de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)



# I. P. R.

iras celkonscie kun firmaj paŝoj sian vojon, de nun en nova vesto.

## Pli bona papero kun kovraĵo.

Ĉi tiu numero nur estas provo. Atentu la decembran-numeron kun speciala enhavo, ilustraĵoj kaj arte presita kovrilo.

Nun estas tempo por varbi novajn anojn dum 1937.

## Helpu vi, ĉiuj!! Helpu nin!!

kaj diru al viaj gekolegoj:

*Ĉiu, kiu n u n aliĝas por 1937 kaj antaŭpagas jam n u n sian kotizon, ricevos s e n p a g e la kompletan jarkolekton 1936.an.*

Aliĝojn al la administranto,

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

15-a jaro (Numero 5) 1936.

Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj).

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan 19 Karlskrona, Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).

## M. VAN MULLEM. †

Terura bato trafis nian nederlandan sekcion: ĝia sekretario, kolego M. VAN MULLEM, subite mortis. Multon li faris por la propagando de T.A.G.E, en sia lando. Tuj post la fondo de propra nederlanda sekcia estraro li fariĝis ĝia sekretario. Fervore li laboris post tiam. Kvankam lia malforta korpo ege malhelpis lin, li donis el sia grandega energio tiom al nia Asocio, kiom ĝi bezonis. Senlace li verkis artikolojn por la naciaj instruistaj gazetoj, senlace li sendis la necesajn informojn al tiuj gekolegoj, kiuj petis informojn. Li fariĝis sekretario en malfavora tempo: la rezultatoj de tiom da laboro ne estis tre grandaj. Sed li ne perdis la kuraĝon, lia fido, ke iam triumfos la Lumo, donis al li la kuraĝon plue labori.

La triumfon de la Lumo li ne vidis: la morto forprenis lin, nur 28-jara. Li ripozu en paco.

# De la laborkomitato.

1. Dank' al la penadoj de nia fervora anino fraŭl. A. Laverman, la karavano al Helsingör brile sukcesis. La vojaĝsumo po f 55.— por ĉiu partoprenanto eĉ ne tute konsumiĝis; restis saldo de, totale, f 17.—, kiun la vojaĝintoj donacis al la kaso de T.A.G.E. Pere de tiu sumeto T.A.G.E. nun aranĝas statistikon pri la esp.-instruo al infanoj. *(Vidu ĉi tiun numeron).* Koran dankon al ĉiuj!

2. Ni intencas plibonigi nian revuon, kaj eble ni sukcesos pere de malavara helpo de iu „nekonata" amiko. Se la plano efektiviĝos, tiam I.P.R. estonte aperos:
kun korvrilo,
kun pli bona papero, sur kiu ni povos presigi kliŝojn pri konstruaĵoj, popoltipoj, pejzaĝoj k.t.p., ĉiuj interesaj el instrua vidpunkto.

Gekolegoj, vi vidas, ke n ifaras nian eblon. Ni nur petas al vi vian kunlaboron
por la verkado de interesaj artikoloj,
por la daŭra kaj sistema propagando.

3. Nia administranto petas pardonon ke li en la lasta tempo ne tute rapide kaj akurate povis respondi diversajn leterojn. Lia patrino mortis post kelksemajna malsano.

---

Ĉi kune ni publikigas rezoluciojn kaj raportojn pri la fakkunsidoj de la geinstruistoj dum la kongreso en Wien. Aliaj leteroj sekvos.

Bedaŭrinde ni ne povas presigi ilin per grandaj literoj, ĉar ni ne povas pagi pli dikajn numerojn de nia organo.

Gekolegoj, subtenu nin.

*Kiuj, pro monmanko ne povas mem aboni I.P.R., kolektu kelkajn aliajn por komuna abono.*

Legu la komunikon sur la kovrilo!

# La rezolucioj,

kiuj unuanime kaj kun granda aplaudo estis akceptitaj *unue* dum la *fakkunsido* de la geinstruistoj kaj *fine* dum la lasta Labor-kunsido de la 28-a Universala Kongreso de Esperanto la 15-an de Augusto 1936 en Wien.

*1-a rezolucio:* La Esperantistoj, kunvenintaj el 35 landoj al la 28-a Universala Kongreso de Esperanto en Wien, precipe la tre multaj geinstruistoj kaj geprofesoroj, dankas al sinjoro Aŭstria federacia ministro por komerco kaj trafiko Fritz Stockinger pro lia ĝisnuna granda intereso por Esperanto kaj pro lia altvalora helpo kaj petas la sinjoron ministron, ke li bonvolu ankaŭ estonte pluen tre helpi al niaj penadoj kaj klopodoj kaj precipe, ke li afable subtenu tre energie nian rezolucion ĉe la Aŭstria registaro, por ke la *ministerio por komerco kaj trafiko* laŭeble kune kun la instru-ministerio aranĝu por pentekosto 1938 en *Wien oficialan Internacian Konferencon,* detale nomitan en la rezolucioj al la Aŭstria registaro kaj al la registaroj de ĉiuj civilizitaj landoj de la mondo. Niaj Esperantistaj organizaĵoj en ĉiuj landoj klopodos kun ĉiuj fortoj, por ke la laboro de la Aŭstria registaro estu plenplene bone kronata per granda sukceso.

*2-a rezolucio:* Konsiderante la fakton, ke gravaj fak-eminentuloj en plej diversaj landoj de la mondo konstatis,

1. ke pro la ĉiam pli kaj pli grandaj interkomunikiĝ-eblecoj la diverslingvaj popoloj nepre bezonas komunan interkompreniĝ-lingvon,

2. ke tiu lingvo devas esti plej eble facile ellernebla kaj pro la nacia envio eĉ neutrala,
3. ke Esperanto estas tia lingvo, dum preskaŭ 50 jaroj elpruvita,

kaj 4. ke Esperanto jam posedas grandan disvastigecon — rekonitan de multaj ministerioj, komercaj ĉambroj ktp.,

pro tio la geinstruistoj kaj geprofesoroj de fundamentaj, de mez- kaj alt-lernejoj, kunvenintaj en Wien al la 28-a Universala Kongreso de Esperanto, kaj la tuta kongreso solene konstatas,

ke estas nepre necese, ke Esperanto estu enkondukata en ĉiuj civilizitaj landoj — en ĉiuj lokoj kun fremdul-frekvento — kiel deviga fako en la lasta klaso, respektive en la lastaj klasoj de ĉiuj fundamentaj lernejoj de dekjaraj geknaboj, sed *certe antaŭ* la eklernado de iu ajn fremda lingvo, ankaŭ de la latina, — pro la elpruvita tre oportuna preparo por la eklerno de fremdaj lingvoj —, kaj turnas sin al la registaroj, al la komercaj ĉambroj, al la radio-stacioj kaj al la instancoj por fremdulfrekvento de ĉiuj civilizitaj landoj de la tuta mondo kun la peto, pripensi la ĉi supran konstaton kaj sendi oficialajn delegitojn al tiu *Internacia Konferenco,* rilatanta la enkondukadon de Esperanto kiel deviga fako en la lernejon, en komercon kaj trafikon, kiun kunvoki al *Wien* por *pentekosto 1938* ni petas la *Austrian registaron ;* tiuj oficialaj deligitoj estu sendataj el la ministerioj por instruo, por komerco kaj trafiko, rilate la instruon de Esperanto en la fundamentaj, en la mez- kaj alt-lernejoj ; kaj ni petas la registarojn, nepre igi, ke delegitoj estu sendataj ankaŭ flanke de la komercaj ĉambroj, de komercaj lernejoj, de ciuj radio-stacioj kaj de ĉiuj instancoj por fremdul-frekvento ktp., por ke oni povu fari valorplenajn decidojn rilate la en ĉiuj landoj komunan, oficialan kaj devigan enkondukadon de Esperanto en la lernejon kaj praktikon (komerco, trafiko ktp.).

*3-a rezolucio :*

Konsiderante .... (kiel en la 2-a rezolucio) ...... por la eklerno de fremdaj lingvoj -, kaj turnas sin al la austria registaro kun la peto, ke ĝi — konsiderante la tre oportunan sukceson de la Internacia Konferenco „Esperanto en la lernejon kaj praktikon", okazinta je pentekosto 1934 en Wien kaj malfermita eĉ per la ministro por komerco kaj trafiko Fritz Stockinger, kaj konsiderante la nunan 28-an Universalan Kongreson de Esperanto en Wien — nun *preparu mem* novan oficialan pli grandan kaj pli gravan Internacian Konferencon en Wien rilate la enkondukadon de Esperanto kiel deviga fako en la fundamentajn, mezajn kaj alt-lernejojn de ĉiuj civilizitaj landoj kaj ke la Austria registaro bonvolu mem oficiale kunvoki al Wien por pentekosto 1938 al tiu Konferenco la oficialajn delegitojn de ministerioj por instruo, por komerco kaj trafiko, de komercaj ĉambroj, de komercaj lernejoj, de radio-stacioj kaj de la instancoj por fremdul-frekvento ktp. el ĉiuj civilizitaj landoj de la tuta mondo, por ke dum tiu Konferenco estu farataj valorplenaj decidoj rilate la en ĉiuj landoj komunan, oficialan kaj devigan enkondukadon de Esperanto en la lernejon kaj praktikon (komerco, trafiko ktp.).

*4-a rezolucio :*

Konsiderante .... (kiel en 2-a rezolucio) .... por la eklerno de fremdaj lingvoj -, kaj turnas sin al la tutmonda Esperantistaro, urĝe postulante, ke ĉiuj unuopaj eminentaj Esperantistoj kaj precipe ĉiuj landaj kaj lokaj Esperanto-organizaĵoj kune kun U.E.A. (Universala Esperanto-Asocio) energiplene kaj taŭgamaniere kunhelpu, por ke nia en la rezolucioj al la Austria kaj al la aliajregistaroj dirita peto kiel eble plej bone estu realigata.

La kvar rezoluciojn proponas Rudolf Michael Frey, vice-prezid. de Austria Esp.-Asocio..

Kiel proponinto de la 4 rezolucioj mi akcentas laŭ interparolo kun generalo Louis Bastien, Prez. de U.E,A., ke ĉi tiuj rezolucioj rilate la „Internacian Konferencon en Wien 1938" estu efektivigataj en sekvo de la „Internacia Konf. 1937 en Parizo" kaj de 13 „29-a Un. K. de E. 1937 en Varsovio".

Ĉio unuanime akceptita. R. M. FREY.

# Pri la fakkunsidoj de la geinstruistoj

dum la 28-a Universala Kongreso de Esperanto en Wien Augusto 1936.

**Grava raporto por ĉiuj, ankaŭ la ne-instruistoj.**

Tiujn fakkunsidojn de la geinstruistoj kaj geprofesoroj preparis kaj gvidis s-ro lernej-inspektoro registara konsilisto *Fritz Stengel* kaj mi. Alvenis valorplenaj leteroj el diversaj landoj, kiuj kune kun la referatoj, kiujn ni aŭdis donis al ni klaran bildon pri la Esperanto-movado en vico da landoj. Per tio fariĝis la fakkunsidoj de la geinstruistoj tre gravaj.

Bedaŭre el multaj landoj de la mondo mankas ankoraŭ tia klara bildo, sed iom post iom la geinstruistaro *Esperantista* certe ekkonos la signifon de diligenta kunlaboro. Tiu kunlaboro en ĉiuj landoj estas nepre tre necesa. Ni vidis en Wien, ke dum la ĝisnunaj 49 jaroj la Esperanto-movado efektive venkis, tio signifas, ke alia projekto de artefarita lingvo, kiu povus atingi la venkon, ne ekzistas kaj ne ekzistos, ĉar la lingvo de nia *Majstro* jam posedas tian disvastigecon en la tuta mondo, ke devus veni funt-miliardulo, kiu per miliardoj devus fortrudi Esperanton por alia sistemo. La homoj certe ne havas zorgojn, ĉu la vortoj finiĝas tiel au tiel, sed ili deziras praktikan kaj sufiĉe belsonan kaj facile ellerneblan lingvon. Kaj tiujn avantaĝojn posedas Esperanto en vere alta rango. Nur temas nun, ĉu ni venku baldaŭ aŭ ne-baldaŭ! Sed ni *volas* kaj *devas baldaŭ* venki. Ĉi kune ni publikigas la rezoluciojn, faritajn dum la kongreso, Sed plue ne temas, ke ni verkis la rezoluciojn. ke ni skribis ilin sur paperon; la ĉefzorgo de ni en Wien nun estas, ke ni realigu ilin kiel eble baldaŭ. Kaj baldaŭ ni vizitos nian altrangan Esperanto-favoranton, la ministron por komerco kaj trafiko Fritz S t o c k i n g e r, kaj ni estas certaj, ke ĝis la de la UEA-prezidanto generalo *Bastien* al ni anoncita konferenco en Parizo je pentekosto 1937 ankaŭ ni estos farintaj bonajn paŝojn por la konferenco je pentekosto 1938 en *Wien*. El la leteroj kaj referatoj dum la 28-a kongreso ni bone ekkonis, ke nia celo nepre devas nur esti la *deviga* enkondukado de Esperanto en la lernejojn. Krom aliaj treege pledas por la *deviga* enkondukado la detala letero de mia bulgara amiko kolonelo *Silvestriev* (prez. de „E-societo Vekiĝo"), grava pioniro en Bulgario, kies leteron ni kune kun la aliaj altvaloraj sciigoj el diversaj landoj publikigos post iom da tempo en „Internacia Pedagogia Revuo" Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj E-istaj (TAGE) laŭ decido dum la fakkunsidoj), same ankaŭ tiujn referatojn, *kiujn la referintoj sendos al ni*, ekzemple la referaton de la Honora Sekretariino de „Eduka Komitato de Brita Esperantista Asocio" Violet C. *Nixon*, kiu tiel elokvente kaj konvinkige paroladis pri la efektivaj bonaj sukcesoj, ke ni publikigas tiun referaton ankaŭ en „Esperanto Triumfonta".

RUDOLF MICHAEL FREY,
WIEN III. Bechardgasse 14.

**Lastatempa laboro de „Brita Esperanto-Asocio" en edukaj rondoj.**

Raporto de Violet C *Nixon*, hon. sekr. de „Eduka Komitato de BEA"

En la jaro 1930 stariĝis speciala komitato de B. E. A. kun la celo, diskonigi Esperanton en edukaj rondoj kaj plifaciligi la enkondukadon de E en la lernejojn. La komitato ordinare kunvenas trifoje en la jaro,

La unua paŝo de la Komitato estis, praktike utiligi la prestiĝon de multaj bonkonataj edukistoj, subtenantoj de Esperanto. Dudektri personoj permesis la presigon de siaj nomoj sur specialan leterpaperon en flankkolono, sub la titolo „Honoraj Konsilantoj". Tiu ĉi papero havigas por ni atenton kaj respekton.

Dua paŝo estis la pretigo de „memorandumo" anglalingva pri la „Eduka Valoro de Esperanto", kiu konstatas koncize la avantaĝojn de Esperanto kaj postulas, ke ĝi estu la *unua lingvo* instruota en la lernejoj post la nacia (gepatra) lingvo. Tiun ĉi alvokon subskribis 22 eminentuloj en edukaj rondoj. Miloj da ekzempleroj jam estas dissenditaj aŭ venditaj kaj nova aldono nun estas preparata.

La Komitato zorgas por la aranĝo de kunvenoj kaj ekspozicioj pri la eduka flanko de Esperanto en BEA-kongresoj. Antaŭ du jaroj ĝi aranĝis specialan kunvenon en University College, London, por Esperantistaj instruistoj, kie oni pritraktis aktualajn problemojn pri Esperanto en lernejoj. Tiun ĉi kunvenon partoprenis reprezentantoj de preskaŭ ĉiu tipo de lernejo.

Alia flanko de BEA-laboro estas la agado de s-ro Montagu *Butler* kiel sekretario por Edukado. Li kutime uzas la leterpaperon de la Eduka Komitato, kiu bone funkcias kiel prezentletero, kaj proponas prelegon kaj provlecionon. Per la BEA-*automobilo* la lernejoj estas atingeblaj, kiam sufiĉaj akceptoj ebligas rondvojaĝon. Unu sukceso kondukas al alia. De la komenco de l' jaro 1935 ĝis majo 1936 s-ro Butler vizitis 175 lernejojn diverstipajn kaj demonstraciis antaŭ 25.331 gelernantoj kun 803 geinstruistoj. Post la vizitoj BEA ofte ricevas leterojn kun tre favoraj raportoj pri la vekita intereso. Rezultato : du folietoj estas presitaj, la unua kun listo de la lernejoj kaj kolegioj jam vizititaj, la dua kun elcerpaĵoj el leteroj, montrantaj la sukceson de la vizito. Tiuj ĉi folietoj estas helpiloj, skribante al novaj lernejoj.

Unu el la argumentoj kontraŭ Esperanto, kiun oni ofte aŭdas en altgradaj lernejoj, estas, ke ĝi ne estas oficiale ekzamenata temo, do pro tio ne povas esti deviga en la temaro En Anglujo estas necese, ke tia postulo venu de la lernejoj mem. Por instigi la lernejestrojn, pripensi la prezentadon de Esperanto kiel temo en la abiturienta diplomo, la Eduka Komitato — kun la helpo de multaj instruistoj kaj fakuloj — pretigis kvarjaran kurson por altgradaj lernejoj, kun specimena demandaro je la diploma nivelo. Tiun ĉi la Komitato dissendos al tiuj lernejoj, kie la sento al Esperanto jam estas favora.

Por montri la efikon de Esp. en lernejoj kiel informilo, la sekretario de la Komitato petis eseojn en la nacia lingvo pri „Mia Esperantista Korespondanto". Kvankam nur kvar lernejoj respondis, la analizo de la eseoj donis materialon por sufiĉe interesa kaj kovinkiga raporto. Rezultate el tiu ĉi raporto, la sekretario ricevis inviton, alparoli la Komisionon de la Nova Edukada Asocio, kiu kunsidis en Cheltenham, Anglujo, en Aŭgusto 1936, por esplori la problemon de edukado por internacia interkompreno.

Por la lernejoj mem la BEA starigis planon, per kiu iu lernejo povas prezenti kandidatojn por simpla skriba kaj parola provo. S-ro Butler vizitas, por ekzameni, kaj la plej bonaj kandidatoj ricevas malgrandajn premiojn. Ĝis nun du lernejoj jam provis ekzamenon.

Aliaj farotaĵoj, nun pripensitaj, estas la aranĝo de kurso por geinstruistoj en Liverpool Universitato, kun la helpo de profesoro Collinson, kaj dua kunveno por geinstruistoj en London.

Oni povas esperi, ke post tiom da persista, tamen malrapida agado, la intereso pri Esperanto pligrandiĝos en la lernejoj ; kaj el tio devenos kelkaj gravaj problemoj :

1-e) la provizo de bone ekipitaj instruistoj,

2-e) la neceso de interesaj legolibroj kaj lernolibroj por junaj gelernantoj (ne nur por infanoj),

3-e) la ebligo, uzi la lingvon en bone gvidataj centroj, kie la lernantaro povas trovi kamaradojn el diversaj landoj kaj konvinkiĝi pri la viveco de la lingvoj.

— —

Ni en Aŭstrio kaj certe niaj E-eminentuloj en ĉiuj landoj havas grandan ĝojon, ke nia tre ŝatata kolegino en Birmingham raportas tiom pri efektivaj sukcesoj. Ni krome havas ĝojon pro tio, ĉar en ŝia lando nun estas la centro de *UEA*, kaj ni estas certaj, ke U.E.A. sub tiaj favoraj cirkonstancoj kaj kun *helpo de la tieaj tre seriozaj samideanoj tre efikplene kreskos kaj ekfloros je granda impona organizaĵo, estimata kaj altŝatata en ĉiuj landoj de la mondo ! !* Forta *Universala* Esperanto-Asocio ege helpos al ni, atingi baldaŭ la venkon de Esperanto en ĈIUJ LANDOJ ! ! Ni en Wien konstruados pluen kaj petas la samideanojn ĉiuloke, ke ni ĉiuj agu kune kaj subtenu per vigla propagando U.E.A.- on kaj nian por nia mond-movado tre necesan *ĉiusemajnan gazeton „Esperanto Triumfonta" !*

Fine mi nur volas aldoni, ke ni en Aŭstrio feliĉe jam posedas *lernolibrojn*, kiuj estas de la *instruministerio aprobitaj* (de registara konsilisto F. *Stengel* kaj du de profesoro d-ro *Casari* kune kun ĉeflernejinstruisto Franz *Scheibenreiter*), krome aliaj tre oportunaj. Ni posedas ankau *ŝtatan ekzamen-komisionon* (tio estas de la *ministerio*), la solan tian en la mondo, sub la gvidado de la provinc-lernej-inspektoro kortega konsilisto d-ro Franz Wollmann, kiu antaŭ dek jaroj fariĝis el Saŭluso fervora Paŭluso.

Leteroj kaj raportoj de tiuj referintoj, kiuj alsendas, *sekvos*, ekzple de s-ro Borel, Lyon, s-ro Silvestriev. Bulg., s-ro Stengel, Aŭstrio, k.a.

R. M. FREY.

---

# Kanado.

Blaine Lake, Sask. Kanado
Julio 28, 1936

Al administranto de Internacia Pedagagia Revuo.

Lastjare mi loĝis en la urbo Yorkton, Sask., kie mi prenis universitatkurson en St. Joseph kolegio. En la kolegio mi sukcesis organizi Esperanto klasonde ses studentoj : du koleginstruistoj, unu popollerneja instruisto kaj tri kolegstudentoj.

Pro la boneco de la direktoro de kolegio, kiu disponadis al ni klasejon kaj duonhoran periodon ĉiusemajne ni povis ĉeestadi la Esperanto-kursojn de januaro ĝis junio-monatoj, la lasta monato de lernejperiodo ĉijare.

Mi tute kredas, ke la direktoro de la kolegio, se li volus povus enkonduki Esperanton en la kolegio kiel konstantan temon per la helpo de la du kolegprofesoroj kiuj komencis lerni Esperanton en januaro kaj ĉeestadis Esperanto-kursojn dum almenaŭ ses monatoj.

Tial en ĉi tiu letero mi kore kaj profunde petegas vian helpon. Ĉu vi povus meti en I.P.R. alvokon al alilandaj geesperantistoj por ke ili skribu gratulantajn kaj petantajn leterojn, poŝtkartojn k.t.p. al la direktoro de la kolegio por ke la lasta enkonduku Esperanton en la kolegion. Ĉi tiu estas tre grava periodo. Kuraĝigajn leterojn de aliaj landoj povas fari multe da bonfaroj por nia Esperanto movado.

Skribu al : Reverend Anthony
Director of St. Joseph College
Yorkton, Sask.
Canada

Mi antaŭe profunde dankas vin pro via bonservo en ĉi tiu afero.

Samideane, Aleksandro Nazarof
Blaine Lake, Sask.
Kanado.

---

# Al ĉiuj, kiuj havas liberan duonhoron.

*Karaj gekolegoj!*

Kiu persono estas tiel grava por la esperantomovado kiel la instruisto?

Kiun valoron havus la tuta movado, se neniu instruus nian lingvon? Se neniu organizus kursojn, enkondukus esperanton en lernejojn aŭ seminariojn k.t.p.?

Certe nur unu respondo estas ebla al tiuj demandoj. Kaj certe ni povas ankaŭ interkonsenti pri tio, ke la plej bona afero estus, se oni povus instrui esperanton jam al la infanoj. Sed se oni deziras ekkoni la staton de la esperanto-instruado, oni nepre bezonas de tempo al tempo raportojn, ciferojn kaj aliajn faktojn.

Konvinkita pri la graveco de tiu afero, la estraro de TAGE decidis fari enketon pri *infankursoj,* aranĝitaj dum *la du lastaj jaroj, 1934—1935 kaj 1935—1936.* Ni petas helpon de ĉiu instruisto, iamaniere atingebla, TAGE-ano aŭ ne!

Por faciligi la respondadon ni aperigas en ĉi-tiu numero la demandojn kun sufiĉa spaco por respondo kaj sur kvar apartaj paĝoj, facile forigeblaj. Por simpla respondo certe sufiĉas duona horo.

Ĉu vi ne havas liberan duononhoron, kiam vi legas ĉi-tion? Komencu tuj kaj forsendu la leteron jam hodiaŭ! Morgaŭ estas malpli konvena tempo, ĉu ne?

Mi petas al vi, respondu komplete kaj zorgeme! Ne forgesu la 8-an punkton, la kompletigajn notojn (se vi havas pluajn spertojn) kaj la 24-an punkton (se vi volas rakonti pri specialaj gravaj aferoj koncerne la instruadon)! Viaj spertoj kaj sugestoj interesos la tutan instruistaron, ĉu ili estis bonaj, ĉu malbonaj. Vi povas helpi kaj esti helpata!

Bonvolu respondi klare kaj legeble, prefere per skribmaŝino aŭ presliteroj. Kaj respondu *tuj!* Kial ne *tujege?* Tuja helpo estas duobla helpo! Uzu senprokraste la duonhoron, kiu ĵus komenciĝis

Kaj se vi ne mem aranĝis kurson dum la du lastaj jaroj, *bonvolu tuj forsendi la formularon al alia samideano, kiu kursis!*

Anticipe dankante vin samideane kaj sincere!

Komisie de la estraro TAGE.

Bj Beckman

Prezidanto.

Ĉiujn respondojn oni sendu al mi, Sro. Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan 19, *Karlskrona,* Svedlando, *antaŭ la 15a de Novembro 1936.* Laŭ bezono petu pluajn formularojn!

# T.A.G.E.-Statistiko.

1. Jaro de la kurso (ĉiu kurso sur aparta formularo !) :

2. Lando :

3. Urbo, vilaĝo k.t.p. :

4. Nomo kaj speco de la lernejo :

5. La gvidanto. a. Nomo (en presliteroj) :

b. titolo :

6. Aĝo de la infanoj :

7. Nombro de la infanoj. a. ĉe la komenco knaboj :

b. ĉe la fino knaboj : knabinoj :

8. Se la nombro malpliiĝis dum la daŭro de la kurso, kio estas la kaŭzo ?

9. Ĉu la kurso estis *privata* aŭ *oficiala?* (Forstreku la ne koncernan vorton)!

10. Ĉu la kurso estis *deviga* aŭ *nedeviga?* (Forstreku la ne koncernou vorton !)

11. Kiuspeca estis la kurso? *Ĉekurso, gramatika kurso, miksita kurso.* Forstreku la ne koncernajn vortojn !) Se la aranĝoj dum la kurso indas specialan atenton, bonvolu raporti pli detale sub „Ĝeneralaj rimarkoj" sube !

12. Kiom da semajnoj oni instruis? Kiom da honoj? a. semajne: b. entute :

13. Kiun lernolibron kaj, aŭ, legolibron oni uzis? a. aŭtoro (en presliteroj) :

b. titolo (en nacia lingvo kaj esperanta traduko) :

14. Kotizoj :

15. Ĉu oni finis la kurson per ekzameno? *Jes, ne.* Se jes, ĉu la ekzameno estis *privata* aŭ *oficiala?* (Forstreku la ne koncernajn vortojn !)

16. Nombro de la ekzamenitoj? De la aprobitoj?

17. Ĉu oni post la kurso fondis junularklubon? *Jes, ne.* Nombro de la anoj?

18. Kiel oni prizorgas (aŭ prizorgos) la daŭrigan esp. instruadon al la partoprenintoj?

19. Ĉu la infanoj abonis, individue aŭ kolektive iun gazeton? Se jes, kiun?

20. Ĉu la infanoj korespondas (aŭ-os) kun eksterlandanoj? Se jes, kiel ili ricevis la adresojn?

**Kompletigaj notoj:**

21.

22.

23.

Ĝeneralaj rimarkoj, spertoj kaj proponoj:

24.

25. Loko kaj dato:

26. Subskribo de la raportanto:

27. Adreso:

# Francujo.

## Popola Instruado en Francujo

En Francujo estas tri „klasoj" de instruado:

1. la unuagrada (en popollernejoj),
2. la duagrada (en kolegioj kaj liceoj),
3. la supera (en Fakultatoj).

Mi skribos nur pri la unuagrada instruado, kiun popolaj infanoj ricevas en popollernejoj Burĝaj infanoj ricervas saman instruadon dum siaj unuaj jaraj de lernado en kolegioj aŭ liceoj.

En urboj (eĉ en urbetoj) estas porinfanetaj lernejoj: „Ecoles maternelles", kie la instruistinoj anstataŭas la patrinojn. Tiujn lernejojn vizitas geknabetoj 3 ĝis 6—7 jaraĝaj. Kiel en la germanaj „Kindergarten" ili lernas „observi, ekkoni. diferencigi, eĉ konscie labori, sed sen difinita celo, ne kiel en lernejo".

Poste, kiam ili estas 6—7 jaraĝaj, ili vizitas la popollernejojn (por knaboj aŭ knabinoj), kie ili ricevas unuagradan instruadon, kiu kapabligas ilin trapasi unuan ekzamenon: „Atesto pri Lernado", kiam li estas 12-jaraĝaj.

Verdire multe da ili sukcesas tiun ekzamenon nur 1 eĉ 2 jaroj pli poste.

Ĝis la 14a jaraĝo la infanoj lernas en tiuj lernejoj.

Poste, se ili deziras daŭrigi sian lernadon, ili vizitas unu el la „kompletigaj kursoj" aldonitaj al kelkaj popollernejoj, aŭ unu el la „superaj Unuagradaj Lernejoj", kiuj ekzistas po 3—4 en ĉiu departemento.

Ĉiuj lernejoj prezentas lernantojn al jenaj ekzamenoj:

Atesto pri kompletigata Lernado,
Atesto pri Supera Unuagrada Lernado,
Atesto pri Kapableco,
Supera Atesto pri Kapableco,

kaj al diversaj konkursoj por

1. Eniro en la specialaj Lernejoj por Instruistoj (aŭ Instruistinoj), kiuj nomiĝas france. „Ecoles normales";
2. Eniro en la artaj kaj metiaj Lernejoj;

kaj aliaj, laŭ la deziro de la lernantoj.

*Libertempojn* ni havas ĉiujare po 1 semajno je la jarfino (de la 24a de decembro ĝis la 3a de januaro)- 10 tagoj por Paskaj ferioj- 2 monatoj dum somero.

G. CHATELAIN,
instruisto.
Argences, France
(Calvados).

# Impresoj el Helsingör.

Julio Baghy, diris Sro de Waard en sia prelego, tiu sovaĝa, nervoza vagabondo, tiu migranta plumo, kiu pilgrimas preter la vivo en la printempo de la aŭtuno kiel sur la sanga tero de la siberiaj viktimoj, ankaŭ iam renkontis la verdajn donkiĥotojn, kiuj ornamas ĉiun angulon de sia hejmo per steloj kaj sur la ĉemizo brodas en verdaj literoj: „La estonto estas nia!" Ĉu tio ne estas freneza? Do vidu, ne tro freneza, almenaŭ ne pli freneza ol en la urbo de Hamlet, kiam la dana esperanto-instituto aranĝis kursojn. Povis partopreni sesdekkvin, sed venis naŭdek, kaj oni ordigis la aferon tiamaniere, ke kelkaj vere devis loĝi en — la frenezulejo! Kie ili laŭ mia supozo povis enspiri veran Hamletan atmosferon!

Kaj antaŭ tiuj naŭdek gesamideanoj el dek nacioj oni prelegis. Fraŭlino Saxl, fama kaj konata, inspirema kaj inspiriga laŭ bona Ĉemetodo priskribis la plej interesan beston de la mondo (Ĉu vi konas la plej interesan beston de la mondo? Ne temas pri la kameleono!) Kaj ŝi pritraktis la infankursan metodon, kiu eble post unu jaro estos preta, instigis al koncentriĝo kaj pacienco kaj serĉanoncis kantetojn, aplikatajn por la geknaboj (Karaj gesamideanoj, traduku!!) Fraŭlino Noll, fidela paca batalanto kaj pioniro, rakontis pri la solecaj bataloj de la Majstro, kiu tute ne deziris esti majstro, sed kiu povis venki la problemojn pli bone ol ĉiuj komitatoj, tiuj kreaĵoj de la diablo, kaj malgraŭ la intrigoj de la esperantistaj Judasoj. Ĝuste diris la kongreso de la sciencaj akademioj: „La vivo men devas respondi la mondlingvan problemon". Kaj la respondo de la vivo estas — Esperanto. Sinjoro Friis, la energia aranĝanto, kiu vere atingis la celon en gloro, lerte prelegis pri gramatikaj demandoj kaj vive disputis kun la ĉiam aŭskultema poetino Magda Carlsson pri la senpera verbigo de la adjektivoj en poezio kaj prozo. Pri la entuziasmigaj prelegoj de Sro de Waard pri esperanto-literaturo mi jam parolis.

La prezidanto de TAGE dufoje prelegis, la lastan fojon pri TAGE. Kaj montriĝis, ke inter la preskaŭ tridek instruistoj, kiuj ĉeestis la kurson, la duono ne estis TAGE-anoj. Sed vole-nevole oni kaptis la plejmulton, kaj esperebIe ili ankaŭ aliĝos!

Sed gejunuloj ne ŝatas nur aŭskulti prelegojn, ili ankaŭ deziras ekskursi, jes ekskursadi. Bedaŭrinde la dioj ne estis favoraj, ĉar pluvis preskaŭ la tutan tempon. Sed tuttaga ekskurso al Svedlando donis al ni gravajn spertojn: ni aŭtobusis laŭ la malrekta metodo kaj poste manĝis laŭ la rekta metodo. Eble kelkaj opiniis, ke ambaŭ metodoj estis iomete malprofitaj, sed ĉiujn malagrablaĵojn venkis la kantado, precipe la kantado de la nederlandaninoj, kies karavanon aranĝis TAGE. Ni iris sur rosoplena mont, dum la tagiĝo radiis

en rond' kaj la ombroj de l' nokto forkuris el mond', kiam ni ekkantis pri l' estonteco, dum fine venkos nia pen':

Jen mia mano
samideano . . .

aŭ

Vivu la stel', vivŭ la stel'; vivu la verda stel'!

Kaj lasta la finfesto: bela parolado pri soleco kaj komuneco de la direktoro de la internacia altlernejo, Sro Manniche, en la belege ornamita salonego, multaj aliaj paroladoj, multaj poemoj (svedaj, hungaraj, estonaj) multe da kanto. Kaj multe da gejunuloj, gajaj, energiaj, entuziasmaj . . . . .

Vere, kiam oni pense rerigardas al la junaj partoprenantoj de la Elsinoraj kursoj, oni devas konstati: ni ne nur havas pionirojn, ni havas la junularon, kaj tial ni rajtas brodi sur niaj noktaj ĉemizoj: [1]) **„La estonto estas nia."**

Sinjoro sur partero.

---

# La internacia popolaltlernejo kaj internacia kunlaboro.

**De Direktoro Peter Manniche.**

La koopera movado esprimas la ideon pri ĝenerala kunlaboro: la koncepto, ke la individuo ne povas atingi la samajn grandajn rezultojn propramane kiel kunlabore kun aliaj.

Tiu idealo de kunlaboro estas gravega faktoro por la evoluo de la internaciaj interkomunikoj, ĉar en ĝi kuŝas io, kio montras trans la limoj de grupoj kaj klasoj, io, kio eĉ ne haltas antaŭ la politikaj ŝtatlimoj.

Se la mondo estas savota el la ĥaoso, en kiu ĝi momente troviĝas, tio devas okazi tiamaniere, ke la nacioj lernas kunlabori anstataŭ konkurenci kaj interbatali. Tio tamen postulas novan spiriton. Homoj el diversaj nacioj devas travivi la komunan humanon tiel forte, ke tio konstruos pontojn super la kontraŭecojn kaj venkos la falsan naciismon, kiu opinias, ke unu sola nacio posedas ĉiujn eblecojn por gvidi la evoluon.

La internacia altlernejo estas fondita antaŭ 15 jaroj kun la celo krei tiun spiriton inter lernantoj el diversaj landoj, okupante ilin per laboro kaj fruktodonaj studoj en komuneco. Gi komencis treege primitive, sed dum la unuaj 5-6 jaroj la lernantoj, kies nombro kreskis de jaro al jaro, sin okupis per la rekreado de la stalo de granda bieno al lernejo kun klasĉambroj, salonoj, dormĉambroj kaj

---

1) La es ono? Rimarko de la presisto, kiu verŝajne scias, ke nur unu estona ĉarmulo ĉeestis. Sed pri tiaj aferoj la diskreta raportanto silentas.

banĉambroj. Tiu laboro kunligis la lernantojn. La saman efikon havis la instruado, kiu precipe temis pri internaciaj rilatoj, kompara kulturhistorio, kooperado, sindikata kaj altlerneja movado k.t.p. kaj pri modernaj lingvoj, kiuj estis lernataj ne nur pere de la okulo en la libro sed ankaŭ pere de la orelo en la ĉiutaga interparolo.

La lernejo kreskis kaj havis dum la lasta somera kurso 80 lernantojn el 13 diversaj nacioj. Dum la vintro, kiam la plejmulte estas laboristoj kun prosenlaboreca subteno kaj la instruado ankaŭ ampleksas la ordinarajn lernejajn taskojn, la nombro de la partoprenantoj estis preskaŭ la sama aŭ eĉ pli granda.

Sed oni ne povas nei, ke malfacilaĵoj estas kunligitaj kun la edukado al internacia interkompreno. Tiuj malfacilaĵoj i.a. kuŝas en la diversaj naciaj vidpunktoj koncerne la celon de la edukado.

El la ĉirkaŭ 2000 partoprenantoj en la regulaj kursoj de novembro ĝis marto aŭ de majo ĝis julio proksimume 600 estis eksterlandanoj, dum la pli mallongaj feriaj kursoj ekde la mezo de julio ĝis la fino de aŭgusto pli ol la duono, t.e. proksimume 1.700 estis eksterlandanoj. Ĉi-tiuj precipe estis angloj, germanoj, svedoj, dum la lastaj jaroj ankaŭ usonanoj. Se mi en malmultaj vortoj volus karakterizi la diferencon inter angloj kaj germanoj kaj ilia koncepto pri instruado, mi povus diri, ke la anglo plej interesiĝas pri *rezultoj*, kaj ne multe ŝatas ideojn kaj teoriojn, dum la germanoj pasie okupas sin pri *ideoj*, sed malpli interesiĝas pri rezultoj.

El tio sekvas senpere, ke tiuj temoj, kiuj plej multe gravas por la angloj, estas tiuj, kiuj sciigas ilin pri la faktaj rilatoj kaj plifortigas ilian kapablon estri la realan mondon : la geografio de la vivrimedoj, la historio, la psikologio, la socia teorio, la statistiko. La germanoj siaflanke plej multe okupas sin pri filozofio kaj scioj pro la sciado mem. Tiu diferenco inter la konceptoj de angloj kaj germanoj koncerne la instruajn taskojn certe devenas de pli profunda diferenco inter la du nacioj. La germano emas opinii, ke la realeco estas racia kaj ke la estonto estos logika konsekvenco de la premisoj de la ideala fundamento. La anglo male estas praktikulo-mistikulo.

La tuta vero estas pli granda ol nia individua koncepto pri ĝi, kaj estas por ni tute neeble kalkuli la estonton, ĉar tute aliaj faktoroj ol niaj premisoj ludas gravan rolon. La anglo estas oportunisto, provas gajni la plejmulton de la momenta situacio kaj fidas, ke superaj potencoj zorgas pri la estonto. Dum la germano preferas tiajn instruistojn, kiuj povas doni al li sistemojn, bildojn de la tuta vero, la anglo kontentiĝas kun eroj de la vero, kiuj povas kontaktigi lin kun la realeco kaj kunkreskigi lin kun ĝi. Li ne kiel la franco serĉas klarecon pri la realeco kaj provas en dogmoj kaj modaj frazoj ricevi malgrandformatan bildon de ĝi. Li pli ŝatas vivi kaj kreski en la mondo ekster li ol kompreni ĝin. La skadinavoj preferas la hejmecan, la patriarkan spiriton ; devas esti gvidado sed en kiel eble plej liberaj kaj demokrataj formoj.

La diverĝo de la lernantoj rilate al la nacieco tamen ankaŭ laŭ pedagogia vidpunkto havas pozitivan flankon. Ili povas multe lerni unu de la alia. Mi ne nur pripensas la puran praktikon, la lingvan kapablon, la sciojn pri la cirkonstancoj de aliaj landoj kaj popoloj, sed ankaŭ la etikan flankon : la edukadon al pli granda internacia interkompreno, al civitaneco en socio, kie naciaj karakterizoj estas rekonataj kaj respektataj, sed devas subordiĝi sub la konsideroj de komuneco kaj kunlaboro.

La lernantoj de internacia altlernejo efektive formas etan Ligon de Nacioj, kaj dum la provo krei harmonion inter la diversaj vidpunktoj kaj temperamentoj ĉiu individuo devas disvolvi kelkajn el la ecoj kaj rikolti kelkajn el la spertoj, kiujn la granda mondo bezonas, se paco kaj kunlaboro aperos anstataŭ millito kaj konkurenco.

(El la dana lingvo tradukis : B. B.)



# Publika letero

**al UEA, IPE, SAT, ISE, IFEPE, TAGE, Cseh=Instituto, landaj asocioj (neŭtralaj kaj laboristaj).**

Estimataj samideanoj,

Estimataj kamaradoj,

Unu el la plej gravaj taskoj de nia movado : agado por *oficiale enkonduki Esperanton en programon de lernejoj*, dum la lastaj jaroj estas tre malmulte atentata de la esperantistoj, ie eĉ preskaŭ forgesita. Tamen ĉiu esperantisto ne povas ne konsenti ke la oficiala enkonduko de Esperanto en la lernejoj, la samrajtigo de Esperanto kun aliaj „fremdaj lingvoj" instruataj en ĉiu lando, malfermus novan eraon en la mondlingva movado, ĝi tuj sekvigus kolosajn sukcesojn al la universalaj disvastigo kaj apliko de Esperanto.

Venis la tempo renovigi la grandskalajn klopodojn, faritajn 14 jarojn antaŭe. Tio, kio ne sukcesis tiam, eble sukcesos nun.

Mi pensas ke ĉiuj esperanto-organizaĵoj devas unuigi siajn klopodojn por aranĝi internacian daŭran kaj intensan propagandan kampanjon, kiu celu :

1. Propagandi la valoron de Esperanto por lernejo ;

2. Atingi la moralan subtenon de la publika opinio (gazetaro ; kulturaj asocioj ; eminentaj pedagogoj, scienculoj, verkistoj k.a. ; aranĝo de amasaj peticioj, ktp.) por la enkonduko de Esperanto en lernejo ;

3. Igi la Komitaton de internacia intelekta kunlaboro (Ligo de Nacioj) kunvoki en 1937 (aŭ, ekstremokaze, en 1938) internacian konferencon el oficialaj delegitoj de

diversaj ŝtatoj kaj kompetentaj pedagogoj por pritrakti la problemon de Esperanto en lernejo, studi la spertojn, fari konkludojn ;

4. Per la Konferenco kaj la Komitato de intelekta kunlaboro submeti al la Ligo de Nacioj projekton de internacia konvencio pri enkonduko de esperanto en la mombron de „fremdaj lingvoj" instruataj en la lernejoj (elementaj, mezaj, superaj) de ĉiu lando.

---

Nur internacie koordinitaj agoj povas sukcesiĝi la aferon. Multfoje kaj multloke en Sovetio oni klopodis por enkonduko de Esperanto en lernejojn. Sed oficiala *tutlanda* enkonduko ne okazis. La ĉefa kaŭzo de la ĝisnunaj malsukcesoj estas la opinio pri „malmulta disvastiĝo de Esperanto alilande". Vere, eksterlande Esperanto estas nenie enprogramigita en lernejoj de tuta lando. Same neniam prosperos izolaj klopodaj en iu ajn alia lando. Ĉiam la enkonduko de Esperanto en lernejoj de iu lando ŝajnos al tiulanda administracio sencela se en aliaj landoj oni ne faros la samon.

La klopodojn en diversaj landoj ofte malsukcesigis la *malĝusta kaj taktike erara postulo* pri akcepto de *Esperanto anstataŭ aliaj „fremdaj lingvoj"*. Tia postulo renkontos ĉiam kaj ĉie preskaŭ nevenkeblan opozicion, armitan ne nur per malpravaj, sed ankaŭ per iuj pravaj argumentoj.

Ne *anstataŭigo*, sed *samrajtigo, egaligo* estu nia hodiaŭa devizo — la *samrrajtigo (egaligo) de Esperanto* kun aliaj „fremdaj lingvoj" en lernejoj. Praktike tio estus tute sufiĉa ĉar pro la lernfacileco kaj aliaj kvalitoj de Esperanto ĝi penetrus rapide ĉien krom lernejoj, kie efektive la ellerno de iu „fremda" lingvo havas hodiaŭ ankoraŭ avantaĝojn kontraŭ Esperanto (precipe en iuj fakaj lernejoj).

Nia movado havas multajn pozitivajn spertojn, kiujn ĝi ne havis antaŭe. Per pli profundaj kaj daŭraj propagandaj klopodoj oni povas triumfigi tion, kio malsukcesis 14 jaroĵn antaŭe.

Eĉ se la „Kampanjo" devus daŭri 1 aŭ 2 jarojn, eĉ se rezulte la enkonduko de esperanto okazus nur en parto el landoj, eĉ se en iuj landoj esperanto estus oficiale enkondukita nur en parto el lernejoj, — ĉiuj klopodoj de nia movado estus tamen per tio malavare kompensitaj. Esperanto komencus sian duan jarkvindekon kiel lingvo de vere universala disvastiĝo.

Mi alvokas la internaciajn kaj landajn esperanto-asociojn ekkontakti unu kun la alia por pritrakti la problemon. Oni formu specialan „Permanentan Interasocian Komitaton por Esperanto en Lernejo" (el delegitoj de ĉiuj asocioj) kaj kunvenigu la Komitaton ankoraŭ nunjare en oportunaj loko (ekz. en Parizo) kaj tempo.

La komitato fiksu detalajn planon kaj taskojn de la „kampanjo", ĝi koordinu la klopodojn de ĉiuj esp. asocioj en tiu-ĉi sfero, instigu kaj konsultu la asociojn.

Post tio oni ĉiuloke solidare ekagu. Ekzistas neniuj kaŭzoj por prokrasti tiun-ĉi gravegan agadon. Iuj prokrastoj estas tute senutilaj : morgaŭ la tasko ne estas pli facila ol hodiaŭ.

V. Kolĉinski
(Ĥarkovo, Sovetio).

Mi samopinias. Koncerne ĉi tiun leteron ni atentigas pri statistiko en ĉi tiu numero. Vidu ankaŭ „Rezoluctoj".

Red.

**Seiigo :** Lastatempe ni ricevis broŝurojn pri Bern, Alta Tatro, Aŭstrio, Budapest, Viena Foiro. Ĉiuj bek ilustritaj.

Pro lokomanko ni ne povas priparoli ilin.

Ankaŭ kelkaj librokritikoĵ devas atendi.

Sendante poŝtan respondkuponon vi povos ricevi tre interesan broŝuron : „Libervola civila helpservo internacia"

ĉe Julio Gilliard, rue des Granges,
NEUVEVILLE
Svislando.

## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5. | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,. Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** vakanta.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** Provizore: W. Grolleman, Westersingel 9. CULEMBORG.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** IIII Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agentojn en Danujo kaj Svisujo.

Redactie en uitgave P. KORTE, Schoolstr. 13 Veendam.

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.